

# Boletín

*Nº 353 novembro/decembro 2001*




Santiago Torné kaj Antonio Marco:
du senlacaj laborantoj

*Asociación de utilidad pública*

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Aperanta de 1949**

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA (Caja Postal):**
**0182-2552-61-0204011.961**
**admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo

# La HEF-Estraro kunsidis

La HEF-estraro kunsidis en sia centra oficejo en Madrid la 29an de septembro 2001 ekde la 10:15 horo. Ĉeestis: Miguel Ángel Sancho, Pedro Garrote, Manuel Parra, Augusto Casquero kaj Marcos Cruz, plus la kunlaborantoj Ana Manero kaj Manuel Pancorbo. Prezentis sian ekskuzon Galofré, Gutiérrez kaj Hernández.

Pritraktitaj aferoj:

1- La sekretario laŭtlegas la protokolon de la antaŭa kunsido, kaj oni ĝin aprobas.

2- Hispana Kongreso en la jaro 2002: Koincide kun la kogreso de SAT en Alicante (06.07.2002) HEF celebros tagon kun aparta eta programo kaj sen aparta kotizo. Tiu koincido nek implicas nek malimplicas la partoprenon de HEF-anoj en la SAT-kongreso.

3.- Verona: Laŭ peto de la koncerna organiza komitato, HEF decidas (fakte re-decidas) kunlabori al la Eŭrop-unia Kongreso, okazonta aŭguste en la itala urbo Verona. Tiu kunlaboro implicos aperigi informojn en Boletín kaj kolekti aliĝkotizojn de kongresanoj el Hispanio; kompense HEF ricevos dek-procentan makleraĵon.

4.- Granda Vortaro de Fernando de Diego: HEF trovas, ke ja mankas nun bona vortaro hispana-esperanto. Do ni faros nian eblon por la baldaŭa eldono de la vortaro de F. de Diego, al kies aŭtoro la prezidanto skribos leteron en ĉi senco. Ni komisias al Augusto Casquero esplori ĉu iu oficiala aŭ privata instanco, aŭ iu mecenato aŭ fondaĵo pretus pagi la eldonkoston.

5.- Jardeko por Kulturo de Paco: Sekve de la subskribo de la partenerec-kontrakto inter UEA kaj Unesko pri la "Jardeko por Antaŭenigo de Kulturo de Paco kaj Neperforto al Infanoj 2001—2010", HEF listigos sian hejmpaĝon en la spacon de UEA en la TTT-paĝaro de Unesko (komisiiĝas pri tio Marcos Cruz). En tiu spaco, poste, eblos aldoni informojn pri la agadoj ligitaj al la jardeko, kiujn oni organizos en Hispanio.

Petoj kaj demandoj

* Pedro Garrote proponis, okaze de la lastaj rebatoj al artikoloj menciintaj Esperanton, kontakti pli intense kun ĵurnalistoj kiuj havas regulan influon ĉe amaskomunikiloj. Marcos Cruz interkonsentos kun

Manuel Pancorbo pri la organizado de regula sendado de informoj.

* La prezidanto demandis pri eblo fakturi al Inaltel la ŝulditan sumon pri Expolingua. Marcos Cruz informiĝos ĉi-semajne pri la neceso aniĝi en IAE (imposto pri ekonomiaj agadoj).

La Prezidanto: Miguel Ángel Sancho

La Sekretario: Manolo Parra

# Membrara bilanco je 2000.12.31

Kvankam iom malfrue, ja plej taŭga tempo estus jarkomence, jen la datumoj pri la membraro de HEF.

Membro-nombro:. . . . . . . . . . . 425

El ili 8 estas patronaj membroj (kiuj kotizas la duoblon), 3 honoraj (ne kotizantaj) kaj 34 dumvivaj (kotizintaj unufoje). Krome aldonendas 4 infanoj, 39 junuloj, kaj 20 grupoj.

Novaj membroj en 2000:. . . . . . 35

Perditaj membroj en 2000: . . . . 24

Komentoj:

Ĉirkaŭ duono de la novaj membroj estas aĉetintaj la "distan kurson" (kies prezo inkluzivis unujaran membrecon). Plimulto de tiuj ne daŭrigas sian membrecon. Do por 2001 kaj sekve ni decidis malaltigi la prezon de la kurso (nun 7.500 ESP) kaj ekskludi el ĝi la membrecon.

*La sekretario, Manolo Parra*

## Nuevo método de Esperanto

Reaperis, en aktualigita eldono, la kompleta lernolibro de Fernando de Diego kun 10 dialogoj (220 paĝoj) plenaj de sukaj parol-turnoj kaj vortolistoj, praktikaj ekzercoj kaj fina ŝlosilo kaj laŭtema indekso.

La nuna tria eldono aperas en la kadro de fakaj prilingvaj libroj de la Madrida eldonejo Gram Ediciones.

Prezo: 7,52 EUR inkludas la impostojn sed ne la sendokoston.

Rabato: 20% por pli ol 10 ekzempleroj.

Mendu ĉe: MEL; San Alejandro 6 - 4ºB-Ext; 28005 Madrid; Tel/fax 91-446-80-79. Rete: <admin@esperanto-es.net>

# CO de HEF

Jen la nova deĵorhoraro en la oficejo de HEF (Rodríguez San Pedro 13-3º-7): Lunde kaj ĵaude matene de 09:00 ĝis 13:00, kaj vespere de 18:00 ĝis 20:30. Ekster tiu horaro funkcias kiel kutime la aŭtomata respondilo kaj la faksilo (91-446-80-79). Komprenebie, ĉiam eblas kontakti pere de e-poŝto: admin@esperanto-es.net

# Novaj HEF-membroj en la jaro 2000

Carmen Suárez Fernández-Cid (Madrid)
José Antonio del Barrio Unquera (Alcorcón)
Julio Gisbert Quero (Madrid)
Félix Sánchez Boquete (Brión, La Coruña))
María Luz Puertas Arias (Santander)
Samuel Adebowale ( Madrid)
Lupe Sanz Bueno (Madrid)
Óscar Piñeiro Busto (Castro Urdiales, Cantabria)
Saúl Blanco Lanza (León)
Ángel Torres Pacho (Sevilla)
Pablo Vicente Valero (Segovia)
Esteban García Calvo (As Pontes,La Coruña))
María I. Arruti Etulain (Donostia—San Sebastián)
Pedro Pablo Calvo Morcillo (Madrid)
Francisco Javier Gálvez Michán Ceuta)
Christian Tricio Iraolagoitia (Salamanca)
Alberto Matas Sixto (Madrid)
David Redondo Rodríguez (Bilbao)
Fco. Javier Rincón Prieto (Segovia)
Rubén García Martín (Madrid)
Yolanda Aristizábal (Warzsawa (Polonia))
María Pilar Tamayo Hornero (Ejea de los Caballeros(Z))
Daniel Sabino Pelegrín Tamayo (Ejea de los Caballeros(Z))
Lauri Mustonen (Torrevieja, Alicante))
Borja Celarain Gastesi (San Sebastián)
Isidro Rovira (Barcelona)
Leopoldo Fernández Mamerto (Segovia)
Pablo González González (Santander)
Ainhoa Álava (Villanueva de la Cañada(M))
Francisco Lizcano Toledo (Madrid)
Mario López de Andújar (Madrid)
Helena Calero Echarte (Madrid)
Mª Jesús Fuertes Mouriño (Ourense)
F-co Javier Cordón Ezquerro (La Rioja))
Patrick Berkovits (Barcelona)

# Biblioteko Juan Régulo

## Alvenis donace jenaj ekzempleroj:

Donaco de Juan Carlos Carazo

* **Incubus**. 76-minuta videobendo de tiu blanknigra filmo, verkita kaj reĝizorita de Leslie Stevens, en esperanto kun subtekstoj en la angla.

Donaco de Alicia Zepeda

* **Sevilla 1928** Comité de iniciativas y turismo 1928.

* **Curso fundamental de esperanto para los países iberoamericanos** Sekelj, Tibor. Asociación Juvenil de Esperanto 1970. Meksiko.

* **Pri la ponto Saidanbaŝi** Koide, Jasuĵi. Societo por konservi Maljunulinan Kapelon kaj Ponton Saidanbaŝi. Societo por publikigi postsignojn de Horio.1976. Japanio.

* **Mirinda lando** Selso, Diego. La centekzemplera eldonejo 1966. Argentino.

Donaco de Gonçalo Neves

* **Fonto**. N-roj. 231 (marto 2000) kaj 232 (aprilo 2000). Specialaj portugalaj numeroj dedicxitaj al Fernando Pessoa kaj José Saramago.

Donaco de Venancio Monsalve

* **Heroldo.** Fasko da numeroj.

Donaco de José Mª Salguero

* **La granda Thúry György**. (Takáts Sándor). Nagykanizsa, 1996. Hungario.

* **La realigeblo de nova socia sistemo**. (Göncz József). Zalaegerszeg, 1999. Hungario.

Cetere alvenis al la biblioteko jenaj libroj:

* **La litomiŝla tombejo** (Karolo Piĉ)

* **Sentempa simfonio** (F. de Diego)

# 61a Hispana Esperanto-Kongreso

La venontjara HEF-kongreso okazos plej verŝajne en la belega apudmara urbo Alicante, paralele kun la 75a Kongreso de SAT. Kompreneble, kvankam ankoraŭ oni prilaboras ĉiujn detalojn, la probablaj datoj de la kongreso estos la 5a, 6a kaj 7a de julio 2002. En la venonta numero de Boletín ni povos prezenti pli konkretajn informojn rilate al la kongresejo, aliĝoj, programo, loĝado, ktp.

# Kaj denove pri la biblioteko



En numero 351 de Boletín, HEF ofertis al siaj aliĝintaj grupoj la eblecon mendi tiujn duoblaĵojn el la "Biblioteko Juan Régulo", kies referencojn aperis publikigitaj en listo sekvanta la koncernan artikolon.

La libroj distribuiĝis, laŭ la sekva anekso, inter jenaj asocioj: "Asociación Cordobesa de Esperanto", Kantabra Esperanto-Asocio, Valencia Esperanto-Grupo, Esperanto-Biblioteko "Ramón Molera Pedrals" kaj Andaluzia Esperanto-Unuiĝo.

Estas antaŭvideble, ke venos pliaj duoblaĵoj al la biblioteko pro ontaj privatulaj donacoj. Ekde nun, por ne tedi la legantojn per la publikigo de longaj libro-listoj, mi informos rekte la HEF-grupojn, kiuj sciigos al mi sian intereson ricevi tiujn duoblajn volumojn, kaj en la bulteno aperos nur resuman mencion pri la afero. Tial, se via asocio estas membro de HEF kaj ĝi interesiĝas pri tiaj donacoj (nur sendokoston vi devus pagi), bonvolu komuniki iun retadreson per kiu ni povu facile estigi kaj plu teni kontaktojn.

Dum la somero, krom la forigo de duoblaĵoj, estis ankaŭ ricevo de novaj libroj. Sinjorino Alicia Zepeda, el Meksiko, donacis ĉirkaŭ 50 volumojn. Plie la ĉesigo de Libroservo havigis al nia biblioteko pliajn 93 titolojn. Unue, ekestis la ideo venigi po unu ekzempleron de ĉiu titolo el la libroservo mankanta en la biblioteko, kio estintus ja vera riĉigo de nia kolekto. Sed tio tuj evidentiĝis ne realigebla pro la manko de spaco en la oficejo. La HEF-estraro rezignis do tiun unuan planon, kaj komisiis al mi dum la estrarkunsido okazinta en San Javier, elekti el la katalogo de libroservo tiujn titolojn dezirindajn, konsiderante ilian intereson kaj la spacon disponeblan. Mi dankas la valorajn konsilojn de Antonio Valén, Liven Dek kaj Jorge Camacho ĉirilate.

Por fini, jen kiel statas la biblioteka enhavo je 2001-09-30:

| Speco | Kvanto |
|---|---|
| Libroj | 1.694 |
| Revuoj (Kompletaj aŭ nekompletaj jarkolektoj) | 794 |
| Kasedoj | 24 |
| Kompaktaj diskoj | 26 |
| Vinilaj diskoj | 24 |
| Videobendoj | 15 |
| Aliaĵoj ne facile klasifikeblaj | 21 |
| Entutaj specimenoj | 2.598 |

*Ana Manero*



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

Pasintan 13an de oktobro okazis en Malago la ĝenerala renkontiĝo de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo. Jen la traktitaj temoj kaj la decidoj alprenitaj:

1) Oni aprobis la akton de la antaŭa renkontiĝ.

2) Oni aprobis la ekonomian bilancon de la asocio kaj la buĝeton por la venonta jaro 2002.

3) Oni legis informon pri la elementa kurso okazinta en Kordovo en 2001. Oni studis la eblecon organizi kurson venontjare en Malago, jen deziro kiu devas esti realigebla kiel eble plej baldaŭ.

4) Oni decidis disvendi loteriajn biletojn por la venonta Kristnasko, tiu afero ja estis tre profitodona por la ekonomio de nia asocio pasintjare.

5) Oni legis informon de la respondeculo de la programo "Esperanto en Bibliotekoj". Oni informis pri la kompleta disdonado de la libro "Curso de Esperanto" de Miguel GutiÚrrrez Adúriz, al la bibliotekoj de la provincoj Granado, Sevilo kaj Huelvo. Venontjare oni disdonos la libron al la bibliotekoj de Malago. Danke al la reeldono de la libro-metodo de Fernando de Diego, oni sciigis pri la sendado de tiu libro al chiuj bibliotekoj de la universitatoj de Andaluzio.

6) Oni legis informon de la respondeculo de la programo "Propagando de Esperanto en Andaluzio". Oni informis pri la informado de nia lingvo kaj movado al interesuloj de la provincoj Almerio kaj Huelvo. AEU ankaŭ sendis informilojn al ĵurnaloj kaj radio-elsendejoj. Por la venonta jaro oni proponas organizi debaton pri la lingva problemo en gimnazio de Malago. Same, oni informis pri la konstanta sendado de informiloj al eŭroparlamentanoj.

7) Oni diskutis pri la eldonaĵoj de la asocio: Gazeto Andaluzia kaj Monate ĉe Vi. Oni konsideris ke la apero kaj la enhavo de ambaŭ eldonaĵoj estis tre pozitivaj.

8) Oni voĉdonis pri la propono aligi la asocion al la nova Esperanta Civito. Oni aprobis la proponon.

9) Ene de la ĉapitro "Proponoj" oni aprobis starigi en interreto informan servon por la membroj de la asocio, kiuj, en ĉiu dua semajno, ricevos informojn pri interesaj aferoj rilate al Esperanto kaj al nia asocio.

*José María Rodríguez*

* Nia Malaga samideano José F. Martín, redaktoro de la ttt-paĝo de AEU, par-

toprenis en la konkurso "Pasapalabra" de la nacia televidkanalo *Antena 3*. Helpis lin (?) la tre konata aktorino Maria Galiana, kaj, kvankam li ne venkis, lia nivelo estis tre, tre alta. Gratulom, bravulo!

*Miguel G.*




De maldekstre: Faustino Castaño, Julio Argüelles kaj Santiago Mulas

# Asturio

* Ĉi jare Astura Esperanto-Asocio (AEA) organizos, kiel kutime, kurson por komencantoj en sia sidejo. Krome, por ampleksigi sian agad-kampon, AEA faras demarŝojn por instrui Esperanton en lernejoj kaj junularaj klubejoj, kiel tiu nomata «Malfermita ĝis la mateniĝo», kiu organizas en Gijón distraĵojn kaj kursetojn por la gejunuloj.

Tiucele, AEA sendis leteron al 34 lernejoj kaj gimnazioj de Gijón, kune kun propagando kaj peto por organizi E-kurson destinitan al la interesiĝintaj gelernantoj. Dua fazo en ĉi tiu agado estas la vizitado al kelkaj el la instruo-centroj.

Samtempe, AEA daŭre informas pri esperanto pere de la amaskomunikiloj. La 4an kaj 5an de septembro la Gijona televido dissendis intervjuon faritan al kelkaj estraranoj (kiel antaŭ unu jaro), kaj la tagĵurnalo *El Comercio* publikigis la 26an kaj 28an de septembro artikolojn pri Esperanto kaj intervjuojn faritajn al membroj de AEA.

Fine, nia E-Grupo decidis pretigi propran ttt-ejon en interreto

*Santiago Mulas, Prezidanto de AEA*




# Balearaj Insuloj

* Majorka Esperantistaro jam havas leĝe akceptitan regularon. La celoj de la asocio estas propagandi la internacian lingvon kaj omaĝi almenaŭ unufoje jare la esperantistajn martirojn murditajn dum la milito de 1936. La organo de la asocio estas "Bulteno de la Majorka Esperantistaro" (Apartat 2; 07110 Bunyola).

Jen ĝia retadreso:

http://majorka.8m.com/main.html

# Eŭskio / Vaskio

* Dum la venonta lernojaro, J. Miguel Garcia Iturrioz denove gvidos oficialan studobjekton ĉe la Vaska Universitato, kun 4-, 5-kredita akademia valoro, t.e., 45 horoj. Titolo ne ŝanĝiĝos: "Planlingvoj: Esperanto".

*J.M.G.I.*

# Kantabrio

La E-Grupo de Kantabrio disvendas jam de septembro kristnaskan loterion. Jen la numero: "28.768". Ĉiu bileto kostas 300 ptojn kaj rajtigas partopreni la lotadon per 250 pesetoj. Kompreneble, ankoraŭ eblas akiri biletojn de ĉi premiota numero.

*P.U.L.*

# Katalunio

* Jam la trian sinsekvan jaron, Kultura Asocio Esperantista sukcesas organizi E-kurson kun akademia varolo en la Aŭtonoma Universitato de Barcelona. La kurso, kiu komenciĝis la 16an de oktobro kun 24 gelernantoj, daŭros tri monatojn.

* La 18an de novembro en *Centre Civic Creu Alta* de Sabadell okazis unu el la kutimaj babiladoj organizitaj de KAE. La temo estis "La scienco kaj ĝiaj aplikadoj". Sekvis komuna manĝado.

* KAE proponas partoprenon en la kristnaska loterio per la numero 52637. ĉiu bileto kostas 300 pesetojn.

* En Barcelona E-Centro okazas supera kurso jam de la 12a de septembro.

* *La Generalitat* de Katalunio (Kataluna Registaro) eldonos turisman broŝuron pri Katalunio en Esperanto por la unua fojo. La tradukon korektis s-ro Hernández Llusura.

# Madrido

* Nia juna samideano Marco Trevisán, astronomia amatoro, estas unu el la kunaŭtoroj de la Astronomia Almanako 2000.

* S-ano Antonio Cebrian komencis instrui E-kurson en "La Escuela Popular de la Prospe".

*E.F.F*

* La lundaj babil-rondoj de MEL ree okazas ekde la 1a de oktobro, je la 18:30 en la HRF-sidejo. La 15an de oktobro okazis prelego kun diapozitivoj pri "Zagrebo, urbo de la UK".

* En Studenta Restadejo de la Universitato *Carlos III*, en Colmenarejo (Madrido), s-ro Aníbal Rodríguez gvidis babilrondon pri Esperanto.

*El Nia Voĉo*

# Murcio

Jam eblas legi kaj aŭskulti en Interreto la 52an numeron de Kajeroj el la Sudo:

Http://storm.prohosting.com
/jesuo/ k52. htm

Ankaŭ eblas kopii version por pli komforta legado sen konekto al Interreto,

# HEJS

La junulara sekcio de HEF laboras por la organizado de "Hispana Renkontiĝo" (HoRo) en Salamanca. La aranĝo havos kiel ĉefan temon la junulara muziko, kaj plej verŝajne ĝi okazos inter la 11a kaj 17a de Julio 2002.

*David Trigo*

kvankam la normala versio ebligas aŭskulti aŭtomate la muzikajn erojn kiuj kutime akompanas ĉiun fakon.

*Darío Rodriguez*

# Tutlande

* En ĵurnalo El País de la 31a de aŭgusto aperis intervjuo al la ĵus forpasinta aktoro Paco Rabal, en kiu li diras i.a.:

Demando: ¿Qué te hizo querer saber más? ¿Qué querías ser de niño?

Respondo: Tenía, no sé por qué, una inquietud natural. Y además el ejemplo de mi hermano Damián, que era un muchacho muy inquieto y leía mucho. Hasta se escribía con un ruso en esperanto. Yo le imitaba la caligrafía, los libros que leía, y muchas veces no entendía nada de las lecturas, pero algún poso quedaba.

* La 30an de aŭgusto ĵurnalo "El Mundo" aperigis nekrologon pri anarkiisto Juan Gómez Casas, en kiu oni asertas ke li lernis Esperanton:

«Tras su detención, fue condenado a 30 años, de los que sólo cumplió 15. Se intentó fugar en dos ocasiones, pero las dos fracasaron. Paradójicamente, la cárcel le dio la formación que le faltaba. Allí se convirtió en un humanista, aprendió Historia, ruso, inglés y esperanto.

*Darío Rodriguez*

* Denove la revuo "Perfiles" (julio-aŭgusto) eldonata de ONCE (Hispana Asocio de Blinduloj) aperigis novaĵon pri esperanto. Nun temas pri la fermo de la e-kursoj en Filologia Fakultato de La Laguna (Tenerife).

* La ĵurnalo ABC (09-01) favore mencias esperanton en artikolo pri la europa monunuo eŭro.

*El Nia Voĉo*

* En la ĉi jara ILEI-Konferenco en Kroatio ricevis diplomon de Cseh-instruisto nur du el la kandidatoj.

# Subvencioj

La Ŝtata Oficiala Bulteno (ŜOB) de la 3a de novembro *(hispane: BOE)*, en sia 3a sekcio (sección III), kiu rilatas al la Ministrejo pri Edukado, Kulturo kaj Sporto, proponas subvenciojn por la jaro 2002. Ĉiu E-grupo, deziranta informiĝi, povas konsulti la bultenon en sia urba biblioteko aŭ ĉe interreto <www.boe.es>

*Lupe Sanz-Bueno*

Unu el ili estis la hispano Ruben Fernádez Asensio.

*E.F.F*

* Sur la 5a paĝo de la menbro-bulteno de *Club CCC*, n-ro 445, aperas debato, lanĉita de nia samideano Gustavo O. Cifrian, rilate al Esperanto, kune kun la ĉi suba foto de la Patro-nia preĝo surkahele.

*M. Zocato.*






* La ĉi jaran Premion "Princo de Asturio" pri Komunikado kaj Humaj studoj ricevis la juda intelektulo George Steiner. Lia parolado post la ricevo de la premio rilatis al la lingva afero, kaj en ĝi li mencias, kvankam iom pretere, Esperanton.

Lia parolado legeblas ĉe interreto:

Www.fpa.es/esp/premios/

discursos/2001cyh.htm

*Toño del Barrio*





La prezidantino de Madrida Esperanto Liceo, Carmen Suárez kaj la sekretariino, Lupe Sanz Bueno, vizitis Katmanduon en la pasinta somero. Ili vespermanĝis tipan nepalan maĝon kun membroj de la estraro de Nepala Esperanto-Asocio.

---

# Valencio

* Kiel aprobite en Alicante, la 13a Kongreso de Valencia Esperanto-Federacio kaj Murcio okazos en la urbo Vall d' Uxo (Castellón), la 18an kaj 19an de majo 2002. La urba registaro entuziasme proponis kunlaboron, kaj inter alie eblos viziti senpage la groton "Sankta Jozefo", traire-

bla granparte per boato. Kompreneble ne mankos giganta paelo.

Estas anoncite partopreno de granda grupo da orienteŭropaj naturprotektantoj, kiuj dum tiuj tagoj troviĝos en Hispanio vizitante niajn naciajn parkojn, per sia propra aŭtobuso, gvidata de s-ro Milan Zvara, prezidanto de Slovaka Esperanto Federacio.

* Ĉi jare la valencia esperantistaro festos la 15an de decembro la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, en la urbo Cheste, kie, krom la kutima bankedo, oni metos florkronon sur la memortabulon de la Majstro. Ankaŭ okazos modesta omaĝo al la loka registaro, pro ĝia konstanta helpo al la E-a movado.

* La E-Grupo de Valencio jam disponas kristnaskan loterion. Ĝia numero estas: "28.768". Ĉiu bileto, kiu kostas 250 ptojn, rajtigas partopreni la lotadon per 200 pesetoj. Oni akceptas mendojn.

* "Diario de Valencia" aperigis (01.10.09) reagon de Dario Rodríguez al artikolo de Carmen Tomás kun aludo al Esperanto aperinta en la sama ĵurnalo la 3an de septembro.

* Du E-kursoj komenciĝis novembre en la urbo Valencia. Unu en Grupo Esperanto de Valencia, kaj la alia en la Lernejo por Konstanta Edukado de Plenkreskuloj, kiu dependas de la Valencia Registaro. En ĉi lasta la lernantoj kiuj finos la kurson ricevos Oficialan Atestilon de la Centro.

*Aŭgusto Casquero*

# Libroservo

La tuta librostoko de la ĝisnuna HEF-libroservo translokiĝas al Sabadell, kie s-ano Luis Serrano Perez okupiĝos pri ĝia disvendado.

HEF ne plu acetos librojn sianome. sed s-ano Luis Serrano Perez havigos al vi kiun ajn libron de vi mendita, sub jenaj kondiĉoj rilate al la prezo:

La prezo estos la oficila prezo ĉe UEA + 10% sendokostoj + 6% impostoj. La minimuma sendokosto por UEA estas 2,25 eŭroj, plus sendokosto de Sabadell al la koncerna mendinto.

Kiel pagi: per poŝta ĝiro al konto de Banko Sabadell 0081-0900-82-0006712480. Noto: pagante per bankĉeko aldonu 1.50 eŭrojn por bankaj elspezoj.

Baldaŭ oni anoncos la retpaĝon de la libroservo. Cetere oni povas ankaŭ peti libro-liston ĉe: Luis Serrano Perez; Font Nova 32; 08202 Sabadell; Tel: 93-727-50-21. Rete: <luis_serrano@e-milio.com>

# Esperanto en la universitaton





Ankaŭ nunajare, ekde la 16a de oktobro 2001, dum tri monatoj oni oficiale instruas Esperanton en la Aŭtonoma Universitato de Barcelona. Kiel sciate, favora noto post partopreno en tiuj Esperanto-kursoj rajtigas krediton, kiu estas valida en la ĝeneralaj ekzamenoj de la menciita universitato.

Kiel kuriozaĵon mi informu, ke en la nun funkcianta Esperanto-kurso 2001, ĝuste ĉeestas 24 gelernantoj, nome 12 studentinoj kun 12 studentoj universitataj. Sekve, ambaŭ seksoj, koincide samanombre, estas reprezentataj en ĝiaj Esperanto-klasoj. Laŭprovince, tiuj katalunaj ge-universitatanoj originas el: Barcelona 18, unu el kiuj estas aŭstriano tre studanta; el Girona 3; kaj po 1 el Tarragona kaj Lleida. Plie, ankaŭ ĉeestas la menciitajn Esperanto-klasojn, universitatanino el San Sebastian (Euzkadi).

La unua Esperanto-kurso en la Barcelona universitato komenciĝis en 1999, en kiu jaro ĉeestis ĝiajn klasojn 10 gestudentoj; en la jaro 2000, sukcese finis la koncernan Esperanto-kurson ĝuste 26 gestudentoj. Do, ĝis nun entute 60 junaj ge-universitatanoj profitis la ricevitajn Esperanto-lecionojn.

Al tiu evidente grava strebado enkonduki la internacian lingvon Esperanto en la Barcelonan universitaton precipe kontribuis du entuziasmaj samideanoj, nome José M-a Galofré Domingo, el Sabadell, samatempe vicprezidanto de Hispana Esperanto-Federacio (HEF), kune kun la tre kompetenta kursgvidanto, s-ano Martí Guerrero i Cots, el l' Hospitalet de Llobregat.

S-ano Galofré estas, krom tre vigla aktivisto en aliaj facetoj de nia Movado, ankaŭ senlaca organizanto de Esperanto-kursoj, inter aliaj de tiuj okazantaj en la Barcelona universitato, kies iniciatinto estis li mem.

Kiel menciite, ankaŭ rimarkindan protagonismon en la sukceso de tiuj Esperanto-klasoj, funkciantaj kadre de universitata medio, aparte havas ilia gvidanto Martí Guerrero i Cots, kiu per siaj klaraj eksplikoj, bazitaj sur trafe elektita instrumetodo, daŭre atingas, ke liaj junaj gedisĉiploj diligente lernas la Esperanto-lecionojn.

Fine, kaj ne malplej atentinde, decas reliefigi, en tiu konciza raporto, la tre efikan apogon daŭre ricevitan de du nialandaj organizacioj, nome Hispana Esperanto-Federacio (HEF) kaj Kultura Asocio Esperantista (KAE), al kiuj la kataluna esperantistaro estas kaj plu estos tutakore dankema.

*V. Hernández Llusera*



S-ino Carla de Lorenzi (Italio) klarigas kurson de Esperanto laŭ rekta metodo Cesh

# La naŭa...

Ne, ne temas pri ia simfonio aŭ pri religia leĝordono sed pri la 9a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo, kvankam en ĝi estis muziko kaj iel ankaŭ ia esperanta religiemo. Ĉi-jare, ĝi okazis de la 29a de septembro ĝis la 6a de oktobro de 2001 en la turisma urbo Lloret de Mar (Girona). Aliĝis 72 homoj el kiuj estis 68 ĉeestantoj devenintaj de 6 landoj.

Laŭ la Libro de la Libroj, la mondo kreiĝis (estis kreita) dum unu semajno (Bone, pli precize, dum ses labortagoj kaj unu ripoztago; bedaŭrinde ke ne okazis inverse rigarde al kreo de precedenco). Nu, dum ĉi tia(j) Semajno(j) iel rekreiĝas esperanta(j) renkontiĝo(j) kie kunfluas kulturaj kaj turismaj aktivaĵoj en amikeca (preskaŭ familia) etoso. La programeroj disvolviĝas je maniero sufiĉe trankvila. Tial, partopreni ĉi tia(j)n Semajno(j)n signifas iel vojaĝi al (kaj ripozi en) verda oazo de paco.

Dum la inaŭguro, Luis Serrano, kiel organizinto, kuraĝis mencii la nomon de du esperantistoj sufiĉe konataj en tiu renkontiĝo, taksante ilin kiel rigardindaj ekzemploj. Nome: Gabrielle Tréanton kaj Giordano Moya. Pripensante pri ĉi tiuj du esperantemaj idealistoj, mi trovis tri koincidojn:

1— Ambaŭ personaj nomoj komenciĝas per la litero "G" (kiel gravaj kaj grandaj).

2— Ambaŭ estas iomete aĝaj sed, precipe, iometege saĝaj.

3— Ambaŭ moviĝis per du bastonoj, per du apogiloj:

* Espero (la revo, la emo al la ideo).

* Entuziasmo (la realigo de la revo, la emo al la agado).

Ankaŭ du apogilojn havis kurioze la misteraj sirenoj kiujn ni vidis en la ĝardeno "Santa Clotilde". Temis pri mirindaj statu(in)oj el bronzo (kun du vostoj) kiuj troviĝis ene de belega ĝardeno. Do, ni estis esperantistaj verduloj en verda ĉirkaŭaĵo. Vere verda cirkonstanco! La aliaj el la kvar ekskursoj faritaj okazis al Tossa de Mar, al Girona-Banyolas-Peralada kaj al la vizitinda Pals.

Estis programitaj diversaj prelegoj. Giorgio Silfer alvenis kaj per eleganta parol-fluo oratoris ("por inspiri, ne por konspiri") pri la tiel nomata "Esperanta Civito" kiu stariĝas sur tri pilieroj: konsideri, ke Esperanto estas (ne nur) komunikilo (sed, ankaŭ), arta perilo kaj identigilo. Antonio Marco proponis al ni vojaĝi al "la originoj de la hispana liriko" kaj li ĉiĉeronis al ni tra "Al-Andalus, la lando kie regis Poezio, kaj Amo okupis tronon" kaj tra la unuaj verso-

formoj skribitaj en la hispana lingvo (zeĝelo kaj romanco). Milan Sudec kaj Emilio Sanz parolis pri la pasinta 86a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Zagreb. Gabrielle Tréanton, malgraŭ eta akcidento, rakontis al ni pri sia esperanta aktivado en Bosnio (kie ŝi instruis Esperanton per la rekta metodo kaj pere de simplaj vortoj: "Flugas mevoj super maro / blankaj, blankaj mevoj. / Post ilia ĝoja aro / flugas miaj revoj"). Giordano Moya, konstante, frapante (ĉe la pordo de la konscienco pri la homa bonvolo) prelegis pri racia ekologiismo.

Carla de Lorenzi gvidis kurson de Esperanto kies lecionoj estis karakterizitaj per la ĉiama kaj ĉi-ama simpatio de tiu itala amikino. Ne mankis libro-servo kaj debatoj (la temoj proponitaj estis: "La Esperanta Kompoto" kaj "La povo de la lingvoj"). Kaj dum muzika vespero ni ĝuis aŭskultante "havanajn kantojn" de profesia kvaro gustumante la tipan trinkaĵon "cremat" (bruligita rumo) en esperante dekoraciitaj ujoj disdonacitaj kiel memoraĵo.

Eble mi povus aldoni, ke en la grandega hotelo (je 2.000 gastoj) nia grupo ŝajnis modesta. Vere estis etoso de ekologiema respekto kaj tolero. Troviĝis ja krokodiloj inter la partoprenintoj sed ankaŭ ili rajtas ekzisti (krome, oni povas diri, ke ili estas verdaj kaj esperantemaj).

Por fini, mi dirus, ke la venontan jaron ĉi tiu Semajno "duciferiĝos" ĉar ĝi "dekjariĝos". Tial, ekde ĉi tie, ni volas danke rekoni la strebojn de ĉiuj kiuj iniciatis, aŭspiciis aŭ kunlaboris por ebligi ĉi tiun jaran renkontiĝon de esperantista amikeco.

*Lorenzo Noguero*



Dum prelego de prof. Giorgio Silfer pri la Esperanta Civito



# Emas korespondi

* Mi estas 37-jara pastro, flegisto kaj naturkuracisto. Mi amas la naturon legadon kaj muzikon. Mi tre dankus se oni povus sendi legolibrojn kaj lernolibrojn por hispanoj, kiuj certe helpos al la disvastigo de e-o en mia lando. Jen mia adreso: Rev. Ramón Pérez Moya; Apartado Postal 23; Ranchuelo. VC-53100; Cuba.

* Deziras korespondi kun hispaninoj João de Deus F.Araújo; QNE 27, Lote 23, Apt 201; Taguatinga Norte; Brasília — DF; 72125-270 Brasil; Retadreso: <johnnyquest@ig.com.br>.

* Mi aĝas 20, estas studento kaj interesas min kino, vojaĝado, legado, interreto, arto kaj diskutado. Mia adreso: Tobias Weihmann; Gerhart-Hauptmann-Str. 21; DE-28213 Bremen; Germanio; rete: <tobias@fomalhaut.de>.

# Ĉu Vaskio?, ĉu Eŭskio?, ĉu ambaŭ?






Plu legante "Boletin", daŭre frapas miajn okulojn la vorto "Eŭskio", kiel la sola uzata nomo de mia naskiĝregiono, ene de la rubriko "Niaj Grupoj kaj Asocioj". De antaŭ kelkaj jaroj (ne tiom multaj) konstateblas la fakton, ke ekzistas konfuziĝo pri la plej konvena maniero nomi Ĝin: ĉu Vaskio, ĉu Eŭskio?. Eĉ rimarkeblas ke, antaŭ la dubo, multaj homoj tuj alprenas la lastan modon kaj, sekve, ekskluzive uzas la neologismon "Eŭskio".

Tiu ĉi neologismo aperis en Esperantio fine de la 80aj jaroj, ĉefe enmetita de gejunuloj el urbo Vitorio-Gasteizo, kiuj jam, plejparte, kabeis, tamen postlasante tiun ŝpuron. "Eŭskio" naskiĝis el esperantigo de la vorto "Euskadi", nuntempe ĝenerale akceptata, sed, dekomence, nomo de "Vaskio" nur por la naciismaj partioj. La vorto "Eŭskadi" mem estas neologismo elpensita, fine de la 19a jarcento, de Sabino Arana, fondinto de la vaska naciisma movado kaj vorto, kiu tute ne ekzistis en la vaska lingvo.



Same kiel Sabino Arana, tiuj esperantistoj prenis la radikon "eusk-", ekzistanta en vortoj kiel "Euskera/Euskara" (nomo de la vaska lingvo) aŭ "Euskaldun" (tiu, kiu parolas "Euskara"-n).



Mapo de la lando (kun la franca parto), kaj bildoj de la tri plej grandaj urboj: San Sebastian/Donostia, Vitoria/Gasteiz kaj Bilbao/Bilbo

Sendube, la vorto "Eŭskio" rapide enradikiĝis en Esperantio kaj multaj eksterlandanoj tuj alprenis ĝin, ĉar fakte, tre bele sonas kaj similas al neniu alia vorto. Nenion eblas riproĉi al tio. Problemo estas ke por ni, vaskoj/eŭskoj, la vorto ne estas tute neŭtrala: certe, multaj "vaskoj" ne sentas sin "eŭskoj" (pro politikaj nuancoj de la vorto); tamen, ĉiuj loĝantoj de Vaskio/Eŭskio sentas sin "vaskoj". Kial do forigi la radikon "vask-"?.

Ĉu tiuj, kiuj agas tiel senpripense ne scias ke nia regiona registaro ankaŭ nomiĝas "vaska" ("Gobierno Vasco"), ke nia universitato ankaŭ estas "vaska" ("Universidad del Pais Vasco"), ke la ĉefa naciisma partio ankaŭ estas "vaska" ("Partido Nacionalista Vasco (PNV)"), ke, fine, la propra regiono oficiale nomiĝas ankaŭ "vaska" ("Pais Vasko / Euskadi")?

Kaj se ni parolus pri aliaj lingvoj (ni ne forgesu la principo pri internacieco), ni trovus la vortojn "basque" en la franca kaj angla; "baskskij" en la rusa; "baskisk" en la sveda; "baszk" en la hungara, "baskijski" en la pola, ktp, ktp.

Mi ne pledas pri forigo de la vorto "Eŭskio" (estus stultaĵo); tion devas decidi la esperantistaro, ne unuopuloj; simple kaj humile mi petas ke oni uzu ambaŭ vortojn por nomi mian regionon, almenaŭ ene de oficiala bulteno kiel "Boletin", des pli ke ambaŭ (Vaskio/Eŭskio) estas oficialaj; same okazas jam kun Finlando/Suomio aŭ Hindio/Baĥrato.

En alia momento, ankaŭ estus interese paroli pri la etimologia deveno de ambaŭ vortoj kaj pri tio, ke la hispana estas la sola

(ĉu?) lingvo en kiu "vask-" oni skribas per "v" (malgraŭ ke oni prononcas "b", ĉar la sono "v" ne ekzistas en ĝi). Ĉu ni devus paroli pri "Baskio"?; bedaŭrinde, la radiko "bask" jam ekzistas en Esperanto, estas fundamenta vorto kaj havas tute alian sencon.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*



# Ĉirkaŭ la mondo

* Ni informas la esperantistaron ke, post la terura eksplodo okazinta la 21an de septembro en la suda ĉirkaŭurbo de Tuluzo, en la kemia fabriko AZF, kun pli ol 1000 vunditoj, 29 mortintoj kaj dudeko da malpaerintaj homoj, estis damaĝoj en la domoj de "feliĉe nur" du esperantistoj.

La studioj de Radio FMR kie EUROKKA faras la E-Programon

"Esperanto-Magazino de Tuluzo" estis plene detruita, la dissendilo kaj dissendanteno ne plu utiligeblas. Ni devos trovi rapide novan ejon por restarigi la radiostacion, kiu jam antaŭ 2 jaroj devis translokiĝi post forŝtelado de la tuta materialo!

Ni esperas ke la E-programo en Radio FMR denove ekaŭdiĝos post ne longe. Dume nia programo daŭre aŭskulteblas pere de la du aliaj radiostacioj, kiuj ne estis damaĝitaj: Radio Canal Sud kaj Radio Okcitanio.

*Floreal Martorell*

* La 18a Internacia Festivalo (IF) okazos inter 2001.12.27—2002.01.03 en Magdeburgo, Germanio. IF estas la tradicia familia silvestra aranĝo en Germanio. Oni atendas familiojn kaj esperantistojn prefere inter 25-55 jaroj, sed, kompreneble, ankaŭ aliaĝulojn. Estas programoj por paroj kaj familioj, kun aŭ sen infanoj. Oni povos en agrabla E-etoso renkonti la novan jaron dum la internacia festivalo. Informas: Hans-Dieter Platz; Postfach 1148; DE-34303 Niedenstein; Germanio; Rete: <hdp@internacia-festivalo.de>

*Ret-Info*



Elí Urbanova

* Post sekreta voĉdonado okazinta la 20an de julio en la IEK en Staznice (Ĉeĥa Respubliko), la verkistino Elí Urbanova ricevis la 400 eŭrojn de la ĉi jara OSIEK-premio pro ŝia originala verko "Hejtaro dancas". Partoprenis 20 verkoj proponitaj de la OSIEK-anoj. Pli da informoj ĉe <http://osiek.org>

*Madeleine de Zilah*

* Por uzi la katalogon de la Internacia Muzeo de Esperanto en Vieno, bonvolu viziti la paĝon:

Http://www.onb.ac.at/ev/
online_s/onspdbfr.htm

Tie, kliku en la maldekstra parto sur "Esperanto". Aperos serĉilo: skribu ekzemple: Zamenhof. Aperos listo de autoroj kun nomo Zamenhof, ne nur la kreinto de Esperanto, sed ankau ĉiuj liaj familianoj kiuj verkis en tiu lingvo. Kliku sur iu ajn el la aperintaj nomoj, kaj aperos detalo de la verkoj de tiu autoro ekzistantaj en la Internacia E-Muzeo de Vieno.

Nur restas ke vi alvolu vojaĝagentejon por iri persone al Vieno por legi la deziratan libron en la Biblioteko mem! La tieaj libroj, lau mia opinio, nur estas legeblaj surloke (*in situ*). Eble austrianoj povas pruntepreni. Tie troviĝas trezoroj de la E-literaturo, ekz-e mi tajpis "Kabe" (pseudonimo de unu el la plej fruaj esperantistoj), kaj aperis multaj gravaj verkoj el la universala literaturo, de li tradukitaj al nia lingvo, kaj eldonitaj en la komenco de la pasinta jarcento (ĉ.1904/1908), evidente malfacile troveblaj aliloke.

*Darío Roddríguez*

* la SAT-kongreso de la jaro 2002 okazos en la urbo Alicante (Hispanio) de la 1a ĝis la 7a de julio.

* La 54a Kongreso de Internacia Fervojista E-Federacio (IFEF) okazos de la 1a ĝis la 6a de julio 2002 en Plovdiv, Bulgario. La programo konsistas el la kutimaj fakaj kunsidoj kaj interesaj distraj programeroj, kiaj ekskursoj. Informoj kaj aliĝado ĉe: LKK de 54a IFEF-Kongreso; Centrala Poŝto, pk. 455; BG-4000 Plovdiv; Bulgario; Rete: <bdz-intrel@bbf.bg>

*EFF*



**Tiuj, kiuj ne scipovas legi la japanan skribon... klinu la kapon *dekstren*.**

Hispana Esperanto-Federacio deziras al ĉiuj siaj membroj kaj simpatiantoj feliĉan kaj fruktodonan novan jaron.

---

* Ĉu vi scias ke ekzistas RetoKlubo por infanoj kiuj lernas esperanton kaj emas korespondi per la reto kun aliaj infanoj? Ili ŝatus havi pli da anoj en la klubo — eble vi konas infanojn kiuj ŝatus aliĝi. La retadreso estas jena: http://www.geocities.com/EnchantedForest/2755/gastklub.html

*ILEI-listo*

* La 5a Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso okazos de la 23a ĝis la 28a de aŭgusto 2002 en Verona, Italio. La ĉeftemo de la kongreso estas "Efektiva lingva egaleco: rajtoj de la eŭropanoj". La aranĝo estas oficiala kunveno de Eŭropa Esperanto-Unio, EEU, sed kompreneble ne nur la reprezentantoj de la ano-asocioj rajtas partopreni ĝin. Informoj kaj aliĝo ĉe: Verona Esperanto-Grupo; CP 1616, IT-37100 Verona; Italio; Rete: esperantoverona@adriacom.it

* La Komitato de UEA decidis enkonduki novan kategorion de dumviva membreco. Temas pri Dumviva Membro kun Jarlibro, tio estas dumviva formo de la kategorio Membro kun Jarlibro (MJ). Por esti dumvive individua membro de UEA kaj ricevi ĉiujare la Jarlibron, oni pagas unufoje 25-oblon de la MJ-kotizo.

Junaj Dumvivaj Membroj kun Jarlibro krome estas individuaj membroj de TEJO, ĝis sia 30a jaro, kaj ricevas sen plia pago la revuojn "Kontakto" kaj "TEJO tutmonde". Kompreneble Dumviva Membro kun Jarlibro povas en kiu ajn jaro ricevi ankaŭ la revuon "Esperanto" pagante la kotizon de simpla abono de la revuo. Oni povas ankaŭ kiam ajn pagi la 25-oblon de la diferenco inter la kotizoj de Membro-Abonanto kaj Membro kun Jarlibro en la koncerna jaro. Sekve la ricevado de "Esperanto" fariĝos konstanta.

Same kiel ĉiujn aliajn kotizojn de UEA, ankaŭ la kotizon de Dumviva Membro kun Jarlibro oni povas pagi al kotizperanto de UEA aŭ rekte al UEA.

* Pasporta Servo estas unu el la plej sukcesaj kaj famaj servoj de la Esperanto-movado. En 2001 la libro enhavis 1161 adresojn. Nuntempe daŭras la atendado de la konfirmoj de la nunaj kaj antaŭaj gastigantoj kaj memkompreneble estas atendataj ankaŭ novaj gastigantoj.




La plej bela esperanta balado
Merlin: Ho! Mia kor'!

Freŝaj informoj pri la stato de Pasporta Servo 2002 ĉiam legeblas en la reto ĉe: http://home.wxs.nl/~lide/paspserv.htm.

Aliĝu al la servo ĉe: TEJO; Nieuwe Binnenweg 176; NL-3015 BJ Rotterdam; Nederlando; Rete: <pasporta-servo@esperanto.org>

* Xinyang estas granda agrikultura urbo de Henan-provinco en Ĉinio. Nun kelkaj kompanioj volas eksporti siajn produktojn per ponto de Esperanto. La produktoj estas ginko, kaŜtano, arakido, verda teo, mielo, sezamo, lilia bulbo, ramia sako kaj aliaj profundaj prilaboraj produktoj. Interesitoj skribu al: s-ro Zhang Xuesong; Changtaiguan Dianguansuo; CN-464193 Xinyang, Henan; Ĉinio; Rete: deodaro@263.net

# Al lingva demokratio!

## (Alvoko al la membroj de UEA, TEJO, ILEI)

Karaj membroj (kaj ne-membroj) de UEA, TEJO, ILEI, dum la Universala Kongreso en Zagrebo la komitato de UEA aprobis novan laborplanon kaj komisiis nin esti speco de "garantia komisiono", kiu certigos, ke la laborplano estos kunlabore plenumata de la membroj de niaj tri organizaĵoj.

La nova laborplano emfazas jenajn prioritatojn:

Informado. Instruado. Utiligado. Plijuniĝo. Tutmondiĝo. Profesiiĝo.

Ili estas en si mem klaraj, kaj vi povas detale legi en la laborplano mem, kiel ili estas komprenataj.

Ĉu ni bezonis novan laborplanon komence de la 3a jarmilo? La respondo estas, laŭ ni, jes! Sekve de tio, kion ni ĉiuj faris sub la flago de la "Kampanjo 2000", ni nun devas turni nian atenton al la stato de Esperanto en la mondo, kaj reiĝi movado, kiu parolas al la mondo, en maniero, kiun la mondo komprenas (informado), kiu instruas la lingvon kaj la movadon ankaŭ per la lastaj metodoj kaj teĥnikaj rimedoj (instruado), kiu utiligas Esperanton por la normalaj bezonoj de la vivo (utiligado).

Tiaj agadoj estu farataj kun atento al la junularo, esperantista kaj neesperantista, al la tumonda dimensio de nia agado (por ke ne restu landoj sen esperantistoj) kaj al la uzado de la profesiaj talentoj de niaj membroj.

Unu lasta afero devas esti klara al ĉiuj: ni ne bezonas konkurenci kaj batali inter ni. Ni estas ĉiuj laborantoj por la sama idealo preter kelkfoje tro rigidaj asociaj limoj. La laborplano, kiun vi legos, emfazas la rolon kaj de UEA kaj de TEJO kaj de ILEI, kaj de ĉiuj aliaj esperantistaj asocioj, kaj ni ŝatus en ĉiuj landoj vidi kunlaboron, eĉ se kun la bezonata memstareco de ĉiu organizaĵo.

Ankaŭ la titolo de ĉi tiu komuniko kaj de la laborplano "Al lingva demokratio!" ne bezonas klarigon. Ĝi tre klare diras, kiu estas la finfina celo de nia laboro.

Ni faros nian komunan eblon por helpi vin kaj ni dankas vin pro viaj estontaj klopodoj.

*Renato Corsetti, prezidanto de UEA; Holger Boos, prezidanto de TEJO; Mauro La Torre, prezidanto de ILEI; Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA.*

* Ekzempleroj de la laborplano estas haveblaj ĉe: Renato Corsetti, Via del Castello, 1, IT-00036 Palestrina, Italujo, <renato.corsetti@esperanto.org>



# Nekrologoj

* Jacinto Urueña Antón (EM 2437), 87 jara, forpasis en Valladolid la 28an de septembro. Profesie li estis instruisto laŭ emo kaj aktivado. Esperantisto ekde 1960, li ĉiam estis aktiva membro de la Grupo *Fido kaj Espero* de Valladolid, kiun li finance subtenis, kaj en kiu li deĵoris en diversaj estrar-postenoj, ĉefe kiel bibliotekanto. Fakte, dum la periodo kiam la sidejo de Hispana E-Federacio estis en Valladolid, li estis la HEF-libroservanto.

Li ĉiam ĝuis la esperantistan etoson kaj amikecon, kaj partoprenis en multaj naciaj kongresoj kune kun sia familio, kiun oni povas nomi ja esperantista familio, ĉar siaj edzino, filino kaj bofilo estas ankaŭ aktivaj esperantistoj. Pace li ripozu.

* La 27an de majo 2001 forpasis en la urbo Manresa nia samideano, kaj HEF-membro, Pere Saumell i Vila. Pace li ripozu.

# Oficeja Komisiono de UEA

Post la demisioj publikigitaj dum la UK en Zagrebo de tri kernaj oficistoj en Roterdamo (ĝenerala direktoro s-ro Buller, direktoro de Centra Oficejo s-ro Zapelli kaj redaktoro s-ro Ertl) la Estraro de UEA taskis specialan oficejan komisionon gvidi la procedon de elekto kaj dungo de nova ĝenerala direktoro kaj teni superrigardon de la oficejaj funkcioj en la venontaj monatoj, inkluzive de kompletigo de la oficistaro.

La komisiono, konsistante el Ans Bakker-ten Hagen, Ivo Osibov, Humphrey Tonkin kaj Marko Naoki Lins, kunsidis inter 19-22 oktobro 2001 en tre harmonia kaj pozitiva etoso en Roterdamo.

Jen resumo de tiu kunsido:

1) La komisiono venis al la konkludo ke la jaro 2002 estu esence transira jaro. La komisiono proponas nomi agantan (provizoran) ĝeneralan direktoron por la kalendara jaro 2002, tiel ke definitive elektita ĝenerala direktoro oficu ekde januaro 2003. Tiu provizora elekto do donos al nia Asocio la eblecon sen plej granda tempopremo serĉi kaj taŭgan personaron kaj plibonigitan oficejan strukturon.

2) Dum 2002 oni laboros por adapti la oficejon al la tri prioritatoj de la Strategia



Laborplano kaj la Estraro de UEA kompletigos la stabon en la CO per novaj oficistoj laŭ la nova direkto akorde al la laborplano.

3) La ĝisnuna ĝenerala direktoro, s-ro Osmo Buller, pro siaj feritagoj efektive oficas nur ĝis la fino de oktobro. Dum novembro kaj decembro, li finfaros kelkajn pendantajn taskojn, kaj promesis doni al la komisiono liston de tiuj taskoj. La direktoro de la Centra Oficejo, s-ro Pasquale Zapelli, ne povis interkonsiliĝi kun la komisiono dum ties kunsidoj, pro urĝaj familiaj kialoj. Li deĵoros ĝis frue en januaro 2002. La komisiono decidis unue elekti la agantan ĝeneralan direktoron kaj nur poste turni sin al la demando pri anstataŭigo de s-ro Zapelli. Se necese, la Asocio dungos eksteran firmaon por prizorgi la oficejajn komputilojn (tasko ĝis nun esence farita de s-ro Zapelli).

4) S-ro Simo Milojevic, ĝisnuna gvidanto de la libroservo kaj iama ĝenerala direktoro, konsentis prokrasti sian pensiiĝon ĝis la fino de 2002 por esti je la dispono de la aganta ĝenerala direktoro por faciligi la transiron kaj doni konsilojn kaj konkretan helpon. Li helpos elekti novan gvidanton de la libroservo, kiu laboros sub lia ĝenerala superrigardo, kaj li ankaŭ transprenos respondecon pri la Biblioteko Hodler. Kiel iama plurjara ĝenerala direktoro, li certe ankaŭ povos konsili laŭbezone la novan agantan ĝenerala direktoron.

5) La redaktoro de la revuo, s-ro Istvan Ertl, jam anoncis, ke li demisios plej malfrue en la mezo de julio 2002. Li kompletigos la nunan jarkolekton de la revuo kaj klopodos rekapti la eldonritmon, sed pro tio, ke li serĉas novan postenon kaj povus ĉiumomente forlasi nin kun nur unu monato de averto, la komisiono tuj serĉos redaktoron por la jarkolekto 2002, kiu ekoficu, kiel eble plej frue en la jaro, ĉu kiel oficisto ĉu kiel eksterstaranto en regula kontakto kun Roterdamo. S-ro Ertl plenumos aliajn gravajn taskojn en la oficejo ĝis la foriro.

) Dum 2002, en dialogo kun ĉiuj flankoj kaj fontoj, oni studos la administracion kaj financon por atingi la celojn ĵus menciitajn rilate la domon, komputilsistemaron, informoficejon en Bruselo k.s.

En dialogo kun la oficistoj, la nova aganta ĝenerala direktoro, la Estraro, la komitato, profesiaj konsilistoj kaj ĉiuj aliaj, la oficeja komisiono komprenas sian rolon kiel kontaktopunkton kaj kunordiganton. Do, ĉiuj sugestoj, ideoj, opinioj kaj kritikoj estas tre bonvenaj.



# Omaĝo al Salvador Gumà



Por kunlabore plani omaĝon al la centjariĝonta S-ro Salvador Gumà Clavell, en Barcelona Unesko-klubo kunsidis la 15an de setembro anoj de KAE kaj KEA laŭ alvoko de de la KEA-kasisto, S-ro Llibert Puig. Tio okazis pro kaj por S-ro Gumà kaj esperebIe la menciita kunveno ne estos la nura alprosimiĝsigno de la du katalunaj asocioj.

La omaĝo okazis en salonego de la ĉefa kulturcentro de Reus, la 30an de septembro, ĝuste la tagon de la centjariĝo kaj ĝi malvolviĝis preskaŭ kiel planite kun nur unu bedaŭro:

Tiu festo samtempis je la oficiala malfermo, ĉe la urbodomo de Lloret de Mar, de Internacia Semajno de Turismo kiun ĉiujare la fervojista asocio de KAE organizas.

Sekve la plimulto de la KAE-anoj ne povis veturi al Gumà-urbo. Nu, manko de frua kunordigo...

La festo konsistis el jenaj partoj: Prezento de la libro kies verkinto Salvador Gumà estas. Omaĝo de la esperantistaro. Urbestraj omaĝoj (Alcover kaj Reus). Familiaj dankesprimoj. Komuna manĝeto surloke. Bankedo.

Antaŭ pli ol unu jaro KEA planis publikigi libroforme la verkaron de Salvador Gumà, kaj tiucele, kelkaj KEA-anoj intense laboradis por elekti la tekstojn, ilin enkomputiligi, senerarigi je eventualaj tajperaroj, ordigi la erojn, pretigi la antaŭparolon, fari la pripresejajn demarŝojn, ktp. La rezulto estas bela libro: "Kiam floras la timianoj", titolo de unu el la entenataj verkoj.

La libron prezentis kaj prikomentis S-ro Joan Marimon al kiu oni ŝuldas grandan parton de la laboro.

El Danlando venis S-ino Brithe Lapenna por laŭde paroli al amiko admiranto kaj apoganto de ŝia edzo, Ivo L., kaj donaci la libron ĉijare publikigitan de UEA kiel omaĝon al Ivo Lapenna.

Ŝian paroladon tradukis S-ro Abel Montagut ("Poemo de Utnoa", "Karnavale"...)

KAE kaj KEA, post nelonga parola interveno de la KEA-prezidento, S-ino Neus Moly, donacis belegan arĝentan memoraĵon en kiu aperas manpremo.

Kaj rete kaj poŝte venis al S-ro Gumà ĉirkaŭ sepdek gratulmesaĝoj el ĉiu kontinento, multaj privataj, kelkaj oficialaj de landaj asocioj aŭ institucioj. Ekzemple: Renato Corsetti gratulis lin nome de UEA. Antonio Marco Botella, lia amiko, por li

# Esperanta Karaoko

Nun eblas pere de interreto aŭskulti muzikon kaj kunkanti en nia lingvo, sekvante la kantotekstojn. Vizitu la ttt-ejon de Pinarbara E-Grupo (Espírito Santo do Pinhal - SP, Brazilo), vi povos senpage kopii la programaron kaj registri tutmonde famajn klasikajn kaj modernajn kantojn en nia lingvo. Ĉe: www.rantac.com.br/users/alls.

*Antonio Luís Lourenço*

**karaoke**: *(ludo)* karaoko; *(aparato)* karaokilo; *(lokalo)* karaokejo.

verkis belan poemon. Bedaŭrinde, pro tempomanko, la gvidanto de la ceremonio povis nur mencii tiun amason da gratuloj.

Kaj la skabeno pri kulturo de la vilaĝo Alcover, kie Salvador Gumà naskiĝis en 1901, kaj la urbestro de Reus, lia loĝurbo de la juneco, venis kaj paroladis pri li kaj pri la vivomodelo, kiun Gumà reprezentas, kaj transdonis al li luksajn donacojn.

Nepino de la omaĝito kortuŝis la publikon per sentoesprimoj. Dufoje "Kaj Tiel Plu" ludis kaj kantis en la salonego hispanajn kantojn tradukitajn de Gumà. Ankaŭ dum la bankedo la grupo sone beligis la etoson de ĉi tiu meritita omaĝo.

*Luz Vazquez*



# Nova UEA-Estraro

Post la lasta elektoj, estis nomumita la nova UEA-Estraro, kiun konsistigas aro da kompetentaj kaj spertaj homoj, kiuj certe kondukos UEA-n al nova brila epoko.

La nova Prezidanto, de longe UEA-estrarano, Renato Corsetti, itala, antaŭa vicprezidanto, respondeculo pri la Kampanjo 2000, kaj de la Strategia Plano, akademiano, montris ĉiam sian kompetentecon kaj laboremecon.

Nova Vicprezidanto estas Humphrey Tonkin, kiun ĉiuj rememoros dum lia etapo kiel UEA-prezidanto. Aliaj membroj de la Estraro estas: Ans Bakker; Chong-Yeong; Gbeglo Koffi; Ivo Osibov; Andrej Grigorjevskij; Michela Lipari

En la foto, D-ro Corsetti, kun la verkinto de ĉi tiu informo, dum la UK en Zagreb.

*Augusto Casquero*

# Ĉu mi manĝos du?

Estis foje paro da geedzoj, kiu ne havis idojn. La viro plugis la teron, kaj la virino okupiĝis pri la hejmaj taskoj. Matenon, la virino diris al sia edzo:

—Hodiaŭ ni matenmanĝos kune, ĉar mi deziras iri kun vi al la kampo, kaj helpi vin ĉe la rikolto.

—Nu, tre bone! —respondis la edzo.

—Ni manĝos ovojn —diris la virino. —Tamen, ĉar estas nur tri, unu estos por vi, kaj du por mi.

—Ja estas mi, kiu rajtas du —diris la edzo.

—Ne, mi rajtas ilin —kontestis la edzino.

Longe ili diskutis pri tio, kiu rajtas manĝi du ovojn, ĝis fine la virino diris:

—Se mi ne manĝos du, mi malsaniĝos.

—Ba!

La virino malsaniĝis. Venis la pastro, kaj ŝi konfesis siajn pekojn. Poste, kiam venis la momento ricevi la viatikon, la edzo diris al ŝi:

—Ho, kara, ne kondutu tiel malsaĝe, leviĝu, ĉar, kontraŭe, oni viatikos vin.

—Ĉu mi manĝos du?

— Ne!

—Nu, ek al la viatiko.

Oni anoncis ŝian forpason, kaj ŝi ŝajnigis sin morta. Oni do aranĝis la enterigon. Kiam ĉio estis preta por la enĉerkigo, la edzo kaŝe alparolis ŝin:

—Ĉu vi leviĝos aŭ oni portu vin en la tombejon?

—Ĉu mi manĝos du?

—Ne!

—Nu, ek al la tombejo.

Oni kunportis ŝin en la tombejon, kaj, ĉe la tombo, denove la edzo demandis ŝin kaŝe:

—Ĉu vi leviĝos aŭ ni enterigu vin?

—Ĉu mi manĝos du?

—Jes, kara, vi manĝos du.

Per unu salto, la virino leviĝis el la ĉerko kriante:

—Mi manĝos du! Mi manĝos du!

Teruritaj, la ĉeestantoj komencis forkuri ĉiudirekte, kaj, meze de la granda konfuzo, kiu estiĝis, lamulo diris ĝeme:

— Kompatindaj... mi kaj alia!

*Hispana popola rakonto*

reverkita de Liven Dek

# Esperanto kaj Azaña






Aludojn al Esperanto mi trovis en la memoraĵoj de la prezidinto de la hispana respubliko, Manuel Azaña, kiu mencias du niajn samlingvanojn: la deputiton Azorín kaj la vic-kolonelon Mangada. La mencio pri Azorín estas iom flanka, sed Mangadan li aludas plurfoje.

Mangada estis fervora respublikano, kaj komence Azaña mencias lin favore, kvankam taksante lin iom ekstremisma. En la delonge publikigitaj "Politikaj kaj militaj memoraĵoj" ("Memorias políticas y de guerra") estas detala priskribo de incidento provokita de Mangada en 1932 fronte al dekstremaj generaloj, precipe al Goded, estonta partoprenanto en la puĉo de 1936. La impreso de Azaña estas miksa: bedaŭro de la rompo de disciplino sed simpatio al la homo mem; ni memoru ke Azaña estis ministro pri milito (laŭvorte!: "Ministro de la guerra"). Li eĉ aludas lian esperantistecon en senpartia maniero.

En la antaŭ nelonge eldonitaj "Taglibroj — la ŝtelitaj notlibroj" ("Diarios 1932-1933, los cuadernos robados", eldonejo Crítica, 1997), la takso estas iom pli malfavora, kaj ĝi finas pri jenaj vortoj:

"... Mangada está loco. Es vegetariano, esperantista y espiritista. Pertenece al tipo de militar no conformista por desequilibrio mental, como había algunos durante la monarquía".

Nu, sen komentoj.

*Toño del Barrio*

# Akademio de Esperanto

Rezultoj de la elekto de la direktoroj de la Sekcioj kaj Komisionoj

La 5an de novembro 2001a komisiono konsistanta el Antonio De Salvo, prezidanto de IKUE, Mauro La Torre, prezidanto de ILEI, kaj Giorgio Denti, prezidanto de la Esperanto-Grupo de Romo, en la ĉeesto de la sekretario de la Akademio, malfermis la kovertojn kun la voĉdoniloj kaj nombris la voĉojn.

La vocxdoniloj estis 26.

La kandidatoj estis jenaj (apud ĉiu estas indikata la Sekcio au Komisiono): Geraldo Mattos — Gramatiko; Bertilo Wennergren — Ĝenerala Vortaro; Sabira Stahlberg — Literaturo; Probad DasGupta — Prononco; Carlo Minnaja — Historio de la Akademio de Esperanto; Stefan Maul — Konsultejo de la Akademio de Esperanto

| La kandidatoj ricevis la jenajn voĉojn: | sindeteno | ne | jes |
|---|---|---|---|
| Geraldo Mattos | 3 | 1 | 22 |
| Bertilo Wennergren | 1 | - | 25 |
| Sabira Stahlberg | 5 | 4 | 17 |
| Probal Dasgupta | 4 | 1 | 21 |
| Carlo Minnaja | - | - | 26 |
| Stefan Maul | - | - | 26 |

Sekve ili ĉiuj estas elektitaj al la respektivaj postenoj.

*La Sekretario, Renato Corsetti*





# Lingva Angulo (17)

de Antonio Valén

## FALSAJ AMIKOJ (IV)

Hodiaŭ ni parolu pri kelkaj falsaj amikoj. Ĉiuj difinoj kaj multaj ekzemploj fontas el *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV).

**digna** signifas "meritanta respekton": **digna socia pozicio**, *posición social digna*; kaj ankaŭ "konscia, ke oni meritas respekton": ***ŝi montradis tre dignan sintenon***, *mostraba una actitud muy digna.* Sed prefere ne uzu **digna** anstataŭ **inda** "meritanta ion": ***la okazo estas inda je detala priskribo***, *la ocasión se merece una descripción detallada*; ***li estas inda reĝi***, *es digno de reinar*; "sammerita aŭ samvalora kiel": ***filo inda je sia patro***, *un hijo digno de su padre*; "merito-plena, honorinda": ***inda ĉefo***, *un jefe digno.*

Ekzistas ankaŭ **degni** "bonvoli, konsenti fari, sentigante tamen ian moŝtecan komplezon": ***la princo apenaŭ degnis rigardi la kampulon***, *el príncipe apenas se dignó (a) mirar al campesino.*

**ekzakta** signifas "science ĝusta kaj severe preciza": ***ekzakta kalkulo***, *cuenta exacta*; ***ekzakta reprodukto***, *reproducción exacta.* Ties hispana ekvivalento *exacto* estas fakte pli loza, malpli "severa". Niajn eble iom tro oftajn *¡Exacto!* kaj *¡Exactamente!* redonas fakte *Ĝuste!*

**homo** en esperanto neniel montras seksan apartenon. Ĝi signifas "(membro de) genro de mamuloj, karakterizita per vertikala teniĝo, forte evoluinta cerbo kaj parol-kapablo", nome *hombre*, sed eble pli ĝustus la traduko *persona* aŭ *ser humano*, ĉar *hombre (varón)* estas **viro** en esperanto. Se ni diras, ekzemple, ***la homo elpensis la radon***, *el hombre inventó la rueda*, ni ja ne pensas pri viroj aŭ virinoj, sed




parolas ĝenerale pri la specio homo. Same, se ni diras ***la homoj dancis en la salono**, la gente bailaba en el salón (las personas bailaban en el salón)*, ni principe ne atentas pri seksaj diferencoj (krom se ni kundancas...), sed pri la fakto, ke pluraj (ge)individuoj dancas.

Ni ĵus vidis, ke oni uzas la pluralon **homoj** por traduki la hispanan *gente*: ***estis multaj homoj surstrate**, había mucha gente en la calle*. Cetere, la esperanta **gento**, sinonimo de **etno**, signifas "homa grupo, ne pur-rasa, sed prezentanta tamen socian kaj fizikan koherecon", t.e. *etnia*.

**fiera** "konscia pri siaj veraj meritoj kaj virtoj" signifas ĝuste *orgulloso*: ***ili fieras pri sia sukceso**, están orgullosos de su éxito*. Parenca vorto estas **orgojlo** "tro granda memŝato, ne sufiĉe pravigebla kaj akompanata de malŝato por ĉiu alia", kiu signifas *soberbia, arrogancia*: ***li estas tiel orgojla, ke li ne agnoskas vian superecon**, es tan soberbio que no reconoce tu superioridad.*




La limdato por la ricevo de la subvencipetoj estas la 15a de decembro 2001. La peto kaj la necesa dokumentaro oni povas sendi al unu el jenaj adresoj:

* Fundación Esperanto; Cadena 20-22, 1° iz; 50001 Zaragoza.

* José María Rodríguez; Apartado 3142; 14080 Córdoba.

* fundacion_esperanto@hotmail.com

* esperanto14@supercable.es

Ni atentigas la eventualajn interesatojn ke nur tiuj efektive plenumintaj la programerojn en 2001 rajtos ricevi subvencion.

*La direktoro, José María Rodríguez*

## Anonco

* Viktor Kudrjavcev, redaktoro de la revuo "Komencanto", serĉas peranton por Hispanio, kontraŭ 20 elcenta maklerajo. "Komencanto" naskiĝis en 1997 en Ekaterinburg kaj aperas 8 numeroj jare. Jen la retadreso: let@epost.uralpost.ru

*Manolo Parra*

# JARABONOJ KAJ KOTIZOJ POR 2002

**Hispana Esperanto-Federacio** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . eŭroj
Abonantoj eksterlande (por hispanoj vidu sur la 32a paĝo ) . . . . . . . . . . . . . . 27
**Universala Esperanto-Asocio**
Individua Membro kun Gvidlibro (MG) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8
Individua Membro kun Jarlibro (MJ) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 20
Individua Membro plus abono al E-o (MA) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 50
Simpla abono al Esperanto, sen membreco (SA) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 32
Simpla abono al Kontakto, sen membreco (Kto) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 19
Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 100
✓ Rim: La kategorio (MG) ne rajtigas rabaton en la UK. La kategorioj MJ kaj MA inkluzivas por la junuloj (ĝis 29 j.) membrecon en TEJO kaj ricevon de Kontakto.
**Eventoj** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . (aere: 39) . . . . . . . . . . . . . . 34
RET-INFO . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 20
✓ [P] HEF.
**KAE-Informilo** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 6
✓ [P] Santiago Torné; Roca 22, 3-er, 1-a; 08208 Sabadell; Caixa 21000461960200045498.
**La Gazeto** (ses numeroj) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 27
**Heroldo de Esperanto** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 30
**Literatura Foiro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 28
**Internaciisto** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 15
**La Ondo de Esperanto** (12 numeroj jare) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 24
**La migranto** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8
✓ [P]: Luis Serrano; C/ Font Nova, 32; 08202 Sabadell; Tel. (93) 7275021; Banco Sabadell n-ro: 0081 0900 82 0006712480. (Por bank-ĉeko aldonu 1,5 EUR)
**Monato** . . . . . . . . . . . . . . . . . . (aere, 37; rete, 19,20) . . . . . . . . . . . . . . 32
**La jaro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 5
**Literatura Foiro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 28
**La Ondo de Esperanto** (12 numeroj jare) . . . . . . (aere, 28) . . . . . . . . . . . . . 24
✓ [P]: Juan Azcuénaga, Gral Dávila, 127, portal 7, 2 I; 39007 Santander. BBVA n-ro 0182 3800 33 0203548535
**Kajeroj el la Sudo.** (Trimonata) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 6
✓ [P]: José M. Bernabeu; Primo de Rivera, 8; 03360 Callosa de Segura (Alicante). BBVA n-ro: 0000 0000 00 2809722429.
**Sennaciulo** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . konsultu
✓ [P]: Martín Bustín Benito; Apartado 4143; 03080 Alicante.

# Aniĝilo por 2002

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo :. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Annumero: . . . . . . . . . .
Adreso :. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Poŝtkodo kaj urbo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Tel. : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato : . . . . . . . . . . . . . . . . . Retadreso: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

**Aniĝo :**

❑ OM ordinara membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.492 -- . 27,00 EŬR
❑ kun junulkarto. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.043 -- . 24,30 EŬR
❑ PM patrona membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8.985 -- . 54,00 EŬR
❑ KM kolektiva membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8.985 -- . 54,00 EŬR
❑ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) . . . . . . . . . . . . . 3.660 -- . 22,00 EŬR

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto*. **PM**-anoj ricevas 5-centonan rabaton je mendoj de libroservo kaj je abono al *Eventoj*, *Esperanto* kaj *Kontakto*.

**Pagmaniero :**

❑ Bankordone (plenigu la malsupran formularon).
❑ Enspezo en konton 0182-2552-61-0204011961 de BBVA (kunsendu spezilon).
❑ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3 EUR).
❑ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:

C.C.C.: _ _ _ _ / _ _ _ _ / _ _ / _ _ _ _ _ _ _ _ _ _
Entidad Sucursal D.C Cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:
Nombre y firma del titular:

# Paseo del Esperanto

Longe klopodis la esperantistoj de Aviles ĝis, finfine, en la tagmezo de la 20a de septembro la urbestro de la urbo kune kun nia samideanino María Luisa Menéndez, ĉirkaŭataj de pluraj magistratanoj, esperantistoj, simpatiantoj, ĵurnalistoj kaj scivoluloj, inaŭguris la Promenejon Esperanto en la bela parko *Ferrera*.

Apud la tre favora sinteno kaj paroladeto de la Urbestro, vere kortuŝis ĉiujn la emocio de María Luisa, kiu jam de multaj jaroj persiste laboris por atingi ĉi kulminon kune kun la membroj de la grupo Antaŭen, kaj ŝia forpasinta edzo, Nicolás Muñiz.

Post la bonetosa inaŭguro, pluraj E-reprezentantoj estis regalitaj de la magistrato per delica tagmanĝo en luksa restoracio, kaj, en la vespero, akademiano Miguel Gutiérrez prelegis pri *La lengua de Utopia* (La lingvo de Utopio), en aranĝo organizita de la magistrato en la Ekonomia Ĉambro (Cámara de Comercio).

Pri ambaŭ sukcesaj aranĝoj pozitive informis regionaj kaj lokaj ĵurnaloj.

Nun, jam en novembro, la E-grupo de Avilés, gvidata de Cesareo García, proponas E-kurson en la *Escuela de Maestria Industrial*. Ek do, antaŭen!

*M. Zocato*




Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora